# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 29/07/2015 Ducent dudekoka eldono 29/07/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



**SENDATA AL 304** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj" atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★

# 81. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Refleksivo per "si". C.

Jen kelkaj malfacilaj uzoj: "Mia fratino rimarkis la virinon kun sia nova ĉapelo". Ĉar prepozicio (ĉi tie "kun") funkcias iel kiel verbo, la refleksivo (sia) ĉi tie referencas tra la verbo "kuni" al ties subjekto "la virinon". Se la nova ĉapelo apartenas al mia fratino, la pronomo do devas esti "ŝia". Dua ekz.o: "La sinjoro ordonis al sia servisto vesti lin (= la sinjoron) aŭ vesti sin (= la serviston). Tria ekz.o "Paŭlo vivas kun edzino tropostulema por si (= por la edzino, ĉar la edzino postulas por si mem). Se ŝi tro postulas de Paŭlo, devas esti "por li". Kvara ekz.o: Li trovis la leteron de la kamarado de lia filo, ĉar ĉe "sia" la letero estus el de la kamarado de la filo de tiu kamarado, ĉi tie sensenca.

Por pli da iomete aŭ multe malfacilaj ekzemploj vidu "Plena Analiza Gramatiko" de Kalocsay kaj Waringhien. Troviĝas centoj da ili sur la paĝoj 219 – 227. Notu ankaŭ ke ĉe ĉi tiuj uzoj de la refleksivo la aŭtoroj plurfoje ne samopinias kun Zamenhof kaj ke kelkfoje ili esprimas ke ili ne scias la necesan formon, ĉu refleksivo aŭ ne. Bonŝance la refleksivo ne tiom multe aperas, kaj la komplikaj kazoj, kvankam en la literaturo, estas ege malmultaj. Marcel Leereveld.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** devas esti antaŭmendota de estontaj Esperantistaj gastoj. Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al: gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; kaj nsw@esperanto.org.au;

Tri vizitantoj el Koreo de la 3a ĝis 6a de aŭgusto. Vidu AE 222 por detaloj. Ĉu vi povus helpi ilin?

## Esperanto-klavaro por androidaĵoj

### Pourquoi Androïd 4 a un clavier Espéranto ?

https://www.youtube.com/watch?v=T7CnmMGkmYc



## Novaĵo sendita de Aŭstraliaj vojaĝantoj al la lilla U.K. 2015.



Helen kaj Sandor biciklis de Parizo al Lillo kun itala paro, Annarosa kaj Sandro. Amike Sandor. Komenco en Parizo, antaŭ Notre Dame.



Esperantistoj el 30 diversaj landoj partoprenis en la ILEI konferenco en Ostendo, Belgujo. Jen foto de mi kun 2 afrikanoj. Amike, Nicole.



Sandor kaj Helen en Parizo.



Antaŭ la "nulo punkto". De tie oni mezuras la distancojn en Francujo.



Antaŭ la kastelo de Pierrefonds




*Forlasante Parizon*

Kara Roĝero, Mi volas diris al vi, ke viro ĉe la kurso en Martin, Slovakujo, treege ŝatas ”Aŭstraliaj Esperantistoj”.
Li venis de Nordirlando kaj li ĉiam legas la bultenon. Amike, Gerry.




Jen Chris kaj Heather dum la movada foiro en la UK en Lillo. Amike Nicole.

# La solena malfermo




La solena malfermo de la 100a UK okazis dimanĉe je la 10a.
Se vi mistrafis ĝin, jen ebleco por revidi ĝin.
Pro teknikaj kialoj de youtube, mi ne povas tranĉi la komencon, sed vi povas iri rekte al 40 minutoj kaj 25 sekundoj.
Tiu ligilo kondukas vin al https://youtu.be/frgspNkHnVo?t=2424
De tempo al tempo mi aldonas komentojn en la franca por la franca aŭskultantaro.
Mi ja scias ke parto tre aprezata estas la salutoj fare de via reprezantanto. Tiu parto komenciĝas je la 2a horo kaj 23 sekundoj. Jen la ligilo https://youtu.be/frgspNkHnVo?t=8582
Je 2 horoj 31 sekundoj, **salutas Francujo** kaj ni preparis **surprizon** por vi.
Malkovru per musklako sur ĉi tiu ligilo https://youtu.be/frgspNkHnVo?t=9070
Bonan spektadon. Cyrille Hurstel.



# NI ĈIUJ POSEDAS ESPERANTON.



Ĉar Esperanto apartenas al ĉiuj homoj kiuj uzas tiun lingvon, t.e. la Esperantistoj, estas morala devo ke ili ĉiuj estu respondecaj pri la nuna uzado de la lingvo kaj pri ĝia estonta disvolviĝo. Ne utilas diri "Oh, mi simple kopias la lingvon de la spertuloj". En etna lingvo la spertuloj simple scias preskaŭ ĉion pri la uzata lingvo, dum en Esperanto la spertuloj kreas aŭ rekreas la lingvon. Ĝi ja estas artefarita kaj plu artefarata. Ili do rekreas la originalan lingvon de Zamenhof, ili rekreas kaj korektas la postzamenhofan uzadon, kaj kie necese ili kreas novajn uzojn. Sed la plejmulto, se ne ĉiuj, de la Esperantaj spertuloj, estas malpli spertulaj, ofte tre malpli, ol etnaj spertuloj. Kaj tio estas natura, ĉar oni devas esti multe pli klera se spertulo de Esperanto ol se spertulo de etna lingvo.

En demokrata movado, kia la uzantaro estas kaj devas esti, ĉiu Esperantisto havas la rajton kaj la devon kritike juĝi la instruojn ate de la spertuloj, nome la verkistoj, la vortaristoj, la instruistoj, la lernolibristoj, kaj la t.n.Esperantologoj. Same kiel en la politika vivo, estas miriga kiom ordinaraj Esperantistoj povas trovi da lingvaj malĝustaĵoj ĉe nia spertularo. Prenu kiel ekzemplon la malĝustan enkondukon ante al la verbo "peri" ate de la fama Esperantologo

Grosjean-Maupin, unu el la leĝistoj de la lingvo. Kiu kredus, en lia periodo, povi trovi lingvan malĝustaĵon ĉe tia elstaranto? Do neniu atentis pri tio, kaj ĉar jam en tiu tempo la ordinaraj Esperantistoj sklave akceptis la ideojn de la sperteguloj, neniu en lia tempo montris la lingvan eraron, tiel ke eĉ nun ekzistas kleraj Esperantistoj, kvankam ne sufiĉe kleraj, kiuj uzas tiun monstraĵon "peri" kun la kontraŭa signifo. Eĉ la t.n. leĝdona P.I.V. Do fidu eĉ ne ĝin!

Ĉar la kleruloj, kiuj ofte aŭtoritateme publikigas Esperantaĵojn, neatendite faras erarojn, kaj diras la t.n. kleruloj, mi petegas miajn samideanojn ne blinde akcepti kion mi kaj aliaj Esperanto-specialistoj uzas kaj instruas, sed kritike juĝu ilian lingvon kaj ne hezitu publikigi vian juĝon.

Zamenhof meritas, ke vi faru tion, ke vi sentu vin respondeca pri Esperanto. Zamenhof ja decidis donaci sian lingvon al ĉiuj, kiuj uzas ĝin, kaj lasi al ni la decidon kiel la lingvo devas disvolviĝi.

Do ne hezitu esti kritikema, tiel plenumante vian respondecon pri la lingvo.

Marcel Leereveld.

## Ĉi tiuj Semajnfinaj Esperantaj Kunvenoj ANZ-Esp-Kluboj

Elsendata ĉiun vendredan vesperon. Se vi reklamus vian venontan kunvenon ĉi tie, eble venus vizitantoj.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas ĉiun trian Sabaton, la 1an deAŭgusto de la 10-a ĝis la 12-a.

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.

## Esperanto-Domo Sidnejo



Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato.
De la 13-a horo okazas amuza kunveno kun manĝeto por iuj ajn venintoj

Antaŭe je la 11-a horo. Aferkunveno por la Estraro kaj aliaj kiuj deziras partopreni.

La pordo malfermiĝas je la 10.30-a horo por preparado por la kunveno.

17 anoj venis je la 2-a de Aŭg. 2015.

La Federacio donis t-ĉemizojn al tiuj anoj, kiuj ĝis ne nun ricevis ilin.




Intertempe jam estas pli ol 73,500 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.https://www.duolingo.com/